


# PENSEO

N-ro 254

dec. / 2012

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 23-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### la arboj ekster mia korto

aŭ deciduaj aŭ daŭrfoliaj
la arboj staras ekster mia korto
dum la diurno en la diversaj sezonoj.
sen saluto kaj sen adiaŭo
mi kun ili renkontiĝas kaj de ili redisiĝas
de tempo al tempo.
ili ĝuas miajn spirojn
kaj samtempe mi iliajn.
necesas nek negoco nek promesoj.
iam mi pisas al ili nokte
kaj iam ili batas min per siaj rosoj en mateno.
la interŝanĝado de la sukoj
kaŭzas nenies gravediĝon.
paco en bruo kaj silento.
foj-refoje folioj falflugas
sur mian nudan korpon en la pozo stara aŭ
ekkuŝa;
ilin mi metas en albumon
sub la kapkuseno kun salakvo.
jam ne temas pri amoro,
kvankam ofte mi volas karesi
la radikojn kiuj erektiĝas
sub la lito unuloka.



## Leieladonna (Meksikio)



### Freneza Digresio

Neniu estas sola kiel ni estas,
kiel ni kredas esti laŭvole...ne...
ĉiu estas parto de sia deziro,
kaj tiu de siaj gepatroj,
la volo...
parto de siaj gefratoj kaj geamikoj,
parto de sia hejmo...kaj de sia strato,
sia urbo kaj sia kampo,
de la maro, de la rìvero, de la tero...
kaj de la bosko.
Ni estas...
parto de iliaj plendoj...
kaj la propraj plendoj,
kaj ni estas parto de ilia mizero...
parto de ilia riĉeco...
la riĉeco de aliuloj,
parto de la rido kaj de la sonĝoj
iliaj samaj sonĝoj...
ni estas parto de la floro...
kaj parto de ĝiaj dornoj,
kaj ni estas...floro kaj dorno
kaj ni estas...
kaj...
kiu ni estas ?
mi kredas...
ke ni estas ĉio kaj nenio...
ni estas parto de naturo,
ni estas atomo kaj molekulo,
ni estas parto de la tero kaj mara kanto...
ni estas...
kaj mi estas, kaj mi estas, kaj mi estas,
kaj mi estas...
Mi estas ĉio kaj nenio...
mi estas...
kaj ni estas...
ni estas la muziko de la vento
kaj la hurlado de la malsata lupo,
ni estas frenezuloj, ni estas saĝaj,
kaj ni estas... imitantoj...
de naturo...

ni estas tiuj frenezaj enamiĝintoj de la vivo,
kroĉitaj al ĝi koncizaj kaj digresiitaj...
perditaj...
ni estas tiu pluva guto
kaj la polvo el la tombo
kaj ni estas vivo kaj morto,
kaj pli morto ol vivo,
kaj ni estas eterneco...
jes...!
eterneco...
kaj ni estas kaj ni ne estas...
Pri la amo kaj pri naturo...
"Se mi ne amus tre multe la vivon...
kaj ĝiajn kolorojn,
mi ne timus tre multe...
perdi miajn okulojn..."
Kio estus el la amo sen vi...
naturo...
ni estas ĉies parto... kaj nenies...
Oni restis...
tie...
en la lago,
en la rivero,
en la dezerto...
oni restis perdita...
oni perdiĝis ...! ĉu estas ?...
mi ne scias, eĉ li ne scias, vi ne scias,
neniu scias...
Ĉu vi kredas ke jes ? ha ha ha ha
NE...!
neniu...
ni estas tiu guto el pluvo
kaj la polvo el la tombo
kaj ni estas vivo kaj morto,
kaj pli morto ol vivo,
kaj ni estas eterneco...
jes; eterneco...
Filoj de Dio, el sama naturo...
Ĉu ni estas ?...
Ni estas Diaj filoj...
tiu guto el Lia oceano...
kaj tiu radio el Lia lumo...
kaj ni estas... kaj ni ne estas...
Kie ?... kie... kie...
kie...
mi ne scias...
ni estas kaj ne estas, ĉu ni estas ?
ni estas kaj ne estas... eterne...
sed ni estas ludo...
de la atomoj...
ĝiaj leĝoj...
ĝia energio...
Dia parto kaj el la universo...
ĉio kaj nenio...
" Kiom bela estas la verdo,
la verdo de la vivo. "
Almenaŭ en sonĝoj...
de nun iome serena...
la pejzaĝo...
Viva naturo kaj...
kaj...
muta naturo...
Kia beleco...!



unue la koloroj de la floroj,
ho ve; la floroj !... kaj la papilioj...
la belaj birdoj kantantaj...
la ĉarmo de la maro, ĝia odoro...
"Bluo kaj verdo" verdeta bluo,
nekredebla la kombino
el ĉiuj koloroj en naturo
vestita ĉiam por festo !
Mia hejmo estas la tero...
kaj mia tegmento...
la steloj....
egalas...
pluvas, ekpluvas...
kaj mi aŭskultas la pluvon,
malrapide fali...
klap... ! klap... ! klap... ! klap... !
kaj odoras al humidiga tero,
klap... ! klap... ! klap... ! klap... !

mi amas ĝian odoron,
al mi memoriĝas ĝia olda odoro,
antikva, el jar-miloj...
iu rivereto, la rivero, la maro,
la oceano...
mia menso vagas dum pluvo falas,
kaj devojigas...
iras kaj venas unu kaj mil ideoj,
aglomeriĝas en mia kapo, kaj,
mi jam ne scias....
mi vivas kaj estas,
ni estas...
ni estas ĉio...
kaj nenio...
kaj ni estas arbo kaj herbo !
ni estas polvo...
ni estas nenio...

## Guozhu (Ĉinujo)



### Verda Majo Centjara



(2012-03-07)

Verda Majo iĝas centjara,
brava heroino en gloro,
ĉiam vivas en karmemoro
de ĉina popolo tre kara.

Ŝia merito senkompara
kronas ŝin inda je adoro.
Verda Majo iĝas centjara
brava heroino en gloro.

Inspiras per peno elstara
ŝia model' por ni trezoro.
Instigas nin ek al laboro,
Verda stelo ne-ordinara.

Verda Majo iĝas centjara!

**La 28-an de novembro, 2012 okazis en Pekino kunsido de esperantistoj por memorfesti 100-jariĝon de Verda Majo. Por omaĝi la eventon ni refoje aperigas ĉi tiun rondelon.*

## Mori (Usono)



### Arto

Li diris: “ mi estas pentristo,
Pentri estas mia arto...
Sur la vizaĝo de senviva papero
Mi pentras bildon vivoplenan
de virino plej bela...
kiel rideto de la Joconde* "
Mi diris:" O, jes karulo, sed
La arto plej alta
estas pentri rideton,
plenplenan je ĝojo
sur la vizaĝo de
la tuta MONDO"

**Mona Lisa, fama portreto far Leonardo da Vinci*



### NUDECO

1.

Naturisto nuda ĉeestis en festo
policanoj venis por lia aresto
Li sindefendis; "Se nudec'
malbonas,
kial do en Paradizo oni estos sen
vesto?"

2.

Homo naskiĝas nuda laŭ naturo
poste oni vestas lin laŭ kulturo
post la morto, homo denove nuda
vivas en la Paradizo, kun plezuro!



**Erarkorekto**

*En numero 253, la poemeto "Kiso" verkita de Mori estas erare miksgluiĝinta kun alia poemeto "Nur kiam…". Ni esprimas bedaŭron pri nia malzorgemo".*

*Redakcio*

## Siv Burell (Svedio)



### Ŝpari aŭ forĵeti ?

Ŝpari, ŝpari
je la fino estos peze
La objektoj posedas min
Sed kiu povas forĵeti
memoraĵojn,
donacojn
kartojn en florbukedoj
kristnaskajn –
kaj novjarajn kartojn.
Imagu, se la donacinto demandus pri
io !

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### DEMOKRATIIĜU AŬ NI MORTIGOS VIN

Suprenfalas taŭrsovaĝa jesogesto.
Gutas teren florsimila kontrolpovo.
Dekstro ludas sinaprobe kun maldekstro.
Interakordiĝas neta antaŭsolvo.

Tumultigas ĉelojn la preciza febro,
Alkondukas ilin rekte al la novo.
Elektiĝos baldaŭ revoluciestro.
Fajrkraĉante, drak' eliras el la ovo.

Modertonaj klarigoj subtilas fanfarone.
Dubvaloraj vortludoj pridubas maturaĝon.
La senmaskaj pretendoj montriĝas poiome.

Grandanima homdign' enkotiĝas en ĉi marĉo.
Potenculoj translimajn riĉaĵojn tre envias.
Miskompreno ŝlosila pravigon garantias.

## Cezar (Germanujo)



### Dioj bedaŭrinde ebriaj

Vagadis iam Iĥtireks'
en la areo de kompleks'.
Rezulte kaptis lin perpleks'
kaj li kurbiĝis laŭ refleks'.
Sed proksimiĝis eĉ en flug'
kun fulmrapido Pekinug'.
L' terenon, lin eĉ sen hezit',
ĝi voris tuj kun apetit'.
La ĉionpova Superreks'
ekvidis ĉion tra konveks'.
Laŭ spegulbild' de l' lentofagoj
li notis ĝin do tuj sub „Plagoj".
De l' skribskrapista Supra Maks'
eliris urĝa fi-fa-faks':
„Dioj dormas pro ebri'.
Nur esper' plu por ni."



## Petro Palivoda (Ukrainio)

### Petrografio

roko
sin detirante
ĝemas
kaj falas malsupren
maro da ĝiaj pecetoj
similas al fajroartaĵo
ŝtono sin rulas malsupren

### Ekvilibro

nek sur la tero
nek en la ĉielo
limigita surfaco estas
per rektlinio
sin levi en la ĉielon
gravito baras
por ne fali sur la teron
ekvilibro necesas

### Pendolo

Tien – ĉi tien,
tien – ĉi tien.
Mi haltos –
kaj tempo haltos.
De mi dependas
ĉu morgaŭo estos.
En knar' de ĉeno mia
hieraŭo estis.
Trankvilo mia
morto estas.



## Ĝamadio (Germanujo)

### Fato en ŝtormo

Per nur unu guto
naskiĝas jam pluvo
silenta meztaga en muto.
Sub pluvo pliguta
al juna fraŭlino
la ŝirmon vir' donas tre bone konduta.

La gutoj pliiĝas,
la homoj eniras
en domojn kaj tie sekiĝas.
La pluvo nun havas
multege da gutoj
kaj fine al vermoj ankoraŭ nur ravas.

Sed kiam la vento
kaj ŝtormo fortiĝas,
subite forfuĝas aŭ fluas aŭ flugas vermgento.
La arboj tiriĝas,
la tago maljunas,
kaj pli da malhelo kaj forto de l' ŝtormo
kreiĝas.

Post sunsubeniro
al pluv' aldoniĝas
fulmtondro fortega, pli forta ol ia ajn viro.
La arboj ekflamas,
la homoj forkuras,
la ŝtorm' katastrofon tre amas.

La flamoj brulantaj
deziras la morton
de l' homoj timemaj, malfortaj kaj brue
kurantaj.
La akvo de l' morto
altiĝas en l'urbo,
terure senhalte dronigas, malbenas la homojn
per plej sanga sorto.

Post nokto sekiĝas
la nun pura urbo.
La ŝtorm’ hieraŭa al multaj ankoraŭ pezigas la korojn, sed nun ne plu pluvas – la suno leviĝas.



## Helena Tylipska (Italujo)



### Malcertecoj

Malcerte mi trairas tiun padon
pendantan super vakuo danĝera,
okulfermite, por vidi la nenion.
En nebul' mi enspiras fum-odoron,
sentas plorojn de l' patrinoj senfilaj
kaj vokojn de la filoj disperditaj.
Sur la cindroj de mia viv' sidante
mi atendas la morgaŭon de l' filoj

## Lenke (Rumanio)



### RENKONTI VIN

**(II)**

Karas eĉ nun, eĉ nur la lokoj,
kie pri vi mi pensis –
mi perdis vin, forflugis jaroj,
nur tiuj lokoj restis.

De tiam multajn lokojn famajn
mi en la mond’ vizitis,
sed tiuj famaj mondbelaĵoj
al kor’nenion diris.

Je ĉiu paŝ’ la hejma tero
elvokas rememorojn:
vojrand’,stratangul’,benk’en parko
batigas mian koron.

Ja ĉie mi pri vi pensadis,
karas do, ĉiu loko.
Kial mi irus vin renkonti
Do, nun…al via tombo.



**Jarfina FESTEego kun Silvestra-Novjara FESTeno**

okazas la 3an fojon en la franca Esperanto-kastelo Gresillon

de la 28-a de decembro 2012 ĝis la 2a de januaro 2013

Detalo: www.gresillon.org/jarfino

Kontakto: +33-2.41.89.10.34, kastelo@gresillon.org

## Kazi Nazrul Islam (1899-1976)



### Kontraŭ rigard’ mia ne plu ridas rozo

Kontraŭ rigard’ mia ne plu ridas rozo,
Je muzik’ miaparola ne plu alfloras floroj.

Kion utilas al festo iri
Kun el ridetoj velkanta girland’?
Ĉu povas al nokt’ la harar’ nigri
Ne rigardinte al lun’ kun avid’

Suda vent’ tamen printempon alportas
Sed en ĝarden’ ne plu kantas najtingal’
Nek sovaĝa floro plu dancas
En arbar’ rigardante luno al.

Io perditis, io mankas, mia kor’
Malplena kaj maljuna sentiĝas.

Pro kia kruela tuŝ' en tiu hor'
Aĥ mia kor' tiom frostiĝintas !

*Esperantigis*



**Roland Platteau**
**（Francujo）**

## Haizi (1964-1989)



### Via mano

la nordo
je l' mano tiras vin
la mano
demetas gantojn
du etaj lampoij ili estas

du miaj ŝultroj
malnovaj domoj estas
entenas tiom
eĉ tiujn noktojn
kaj via mano
sur lia supro
prilumas ilin

do sekvis la mateno de disiĝo
en matenlumo
tenante bovlon da rizkaĉo
mi pensis pri transmonta
la nordo
du lampoj tie

karesi povas nur de malproksime

### Novedzino

kabano, manĝobastonetoj, vaz' da pura akv'
hejmlokaj
kaj multaj postaj tagoj
jen de vi estas prilumataj

hodiaŭ
mi diru ja nenion
mi lasu onin diri
mi lasu diri l' boatiston sur rivero
malproksima
ekzistas lampo
ĝi estas malhela okulo de l' rivero
flagranta
ĝi dormas ĉinokte en mia domo

post tiu ĉi monat', la pordon ni malfermu
sur alta arbo kelkaj floroj elkreskiĝos
sub ter' profunda kelkaj froktoj produktiĝos



### Orkolora Stepo

ŝafaro sur la stepo
briligas sin mem per spegulo akva
kiel la propraj mildaj lampoj
dormetas en la sin' de viro

paŝtist' devenas de la stepo
lia krani' similas al arboradiko
li brakumportas ŝafojn en grenejon
kaj fronte al vinglas' kaj oro
li nomas vin virino

virino, mia koramiko
al-kaj-elblovas vento
similas vi al nomo stela
aŭ al odoro de ŝafaĵo

vi dormas sub montklifo
sep ŝafoj kaj sep steloj

mi tenas vin en mia buŝ’ kiel nedegelitan
neĝon
vi estas la ŝafar’ sur la ĉielo



*elĉinigis* **Fangfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



### Funebre pri s-ro Laŭlum*

—laŭ ĉinesko Siyuanren**
(10-11-2012)

Kvazaŭ tondro nin trafus
la hom’ kun talent’
forlasis nin
por eterne
ja ekster atend’.

Kun dolora sentiment’
ni pri la event’
grandan bedaŭron
esprimas en
funebra silent’.

Li elstaras solide
kiel monument’
en E-movad’
de Ĉinio
kun vera aŭtent’.

Liaj verv’ kaj diligent’
lia kompetent’
por verda afer’
vivas ĉiam
inter nia gent’.

**Laŭlum estis ĉina elstara tradukisto de Esperanto.*

***Siyuanren (sopiro al fora homo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvin versoj de 75, 445 / 7,5,545 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xa,xxa / a, a, xxa (x=senrima).*

### Indignanta birdo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

roj’
fariĝis bruna ĉe l’ voj’
veadas
birdo kun malĝoj’

al
malpura glugla kanal’
ĝi flugas
ba! akva skandal’

el
la fluo haladzo-pel’
leviĝas
je kropa ribel’

kun
soif’ akriĝanta nun
ĝi serĉas
por trinka fortun’

sur
la tero ĝi kun plezur’
ja trovas
flakon akvan nur

en
ĝi restas kiel festen’
du gutoj
nur por beka pren’

ĝi
deziras bani sin pli

sed ho ve
ne en ĉi medi’

post
trinko kun falanta vost’
reflugas
ĝi je ŝvita kost’

por
pli granda akva trezor’
penegas
ĝi horon post hor’

lac’
ĝin konsumas per minac’
ĝi falas
teren kun grimac’

jen
ĝi koleras en ĉagren’
kun sakroj
pri homoj sen ben’

pro
ilia detruo do
aŭ ĝi ja
petas de l’ hom’ tro?

sen
rimedoj en granda splen’
ĝi kuŝas
preĝante Amen



*Dekses-Silabo (ĉine: Shiliuziling): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)

## Niuniu (Ĉinujo)

### Denove Obama

——laŭ ĉinesko Tiaoxiaoling*

ĝoje, ĝoje
venkas alifoje
Obama batale
por regi plenpove
manovri denove
veno, veno
al nova ĉagreno

pene, pene
li cerbumos splene
kion fari saĝe
sin savi domaĝe
ĝema, ĝema
pro stato dilema

*Tiaoxiaoling (flirta kanto): ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome aŭ metateze ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.

## Yanke (Ĉinujo)

### Feliĉo de sablero

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

mi brilas
ne samkiel or’
sed feliĉon mi ĝuas
se mi vivas en sunglor’
sur plaĝa marmor’

mi serĉas
tie kaj tie
mian propran konkdomon
por vivi familie

dormi ebrie

ĉe l’ maro
ludas en sunlum’
mi en varma sabla rond’
sub muzik’ de homa zum’
kun marventa rum’

mi volas
de ina sabler’
peti l’ manon elkore
kun mia tuta sincer’
plena je esper’

mi hatas
esti kun cement’
miksita fari murojn
de homa apartement’
kontraŭ mava vent’

liberon
mi tre aspiras
sur plaĝo, ĉe la maro
kunvivadon sopiras
komforte spiras



**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Maupassant (1850-1893)



## Ridigaj Konfliktoj

De post la brua elpelado de la monaĥoj, ni eniris en la eraon de la konfliktoj inter la civila aŭtoritato kaj la eklezia potenco. Jen la departementoj, konsternitaj, spektas la heroan duelon inter la prefekto kaj la episkopo, jen la tuta Francio restas faŭkanta antaŭ la duopa batalo inter ministro kaj kardinalo.

Sed la konfliktoj inter la du potencoj, kiuj ĝis nun partigis inter si la landon, havas tute apartan intereson, kiam ili okazas inter simpla urbestro kaj humila parokestro; inter Frato kaj instruisto. Tiam ni vere spektas ridegigajn batalojn, ĉia demando pri kredo estante apartigita kaj respektita.

En tiu gazeto, antaŭ kelkaj tagoj, ni citis artikolon de S-ro Henri [***Henriko***] Rochefort [***Roŝfor***] (1) pri la nova leĝo kontraŭ la malmoralaj skribaĵoj, leĝo kiu metas armilojn ĉiam reŝargitajn en la manojn de ĉiuj estontaj Pinard [***Pinar***] (2) kaj ĉiuj Bétolaud [***Betolo***] (3); kaj pri tio, la morda verkisto memorigis, ke multaj da monumentoj estis stumpigitaj pro la blinda fervoro de ekleziuloj feroce honestaj. Mi dediĉas al li la sekvantan rakonton, verama en ĉiuj punktoj, sed jam malnova.

Malgranda normanda vilaĝo posedis preĝejon, tre malnovan kaj klasitan en la historiaj monumentoj. Do, nura, la konservisto de la dirataj monumentoj povis permesi la modifojn aŭ riparojn.

Tute ne, ke oni multe respektas la historiajn monumentojn, kiam tiuj monumentoj estas religiaj. Ekzemple, la romanika kirko de Etretat [***Etr'ta***], nun estas ornamita per pentraĵoj kaj vitraloj, bojendaj ĉiuj artistojn, kaj la abomenindaj ornamaĵoj de jezuita stilo difektis por ĉiam amason de rimarkindaj konstruaĵoj.

La malgranda preĝejo, pri kiu mi parolas, posedis skulptitan portalon, unu el tiuj duoncirklaj portaloj, kie la libera kaprico de naivaj artistoj gravuris bibliajn scenojn en iliaj unuaj simpleco kaj nudeco.

Ĉe la centro, kiel ĉefa figuro, Adamo prezentis al Evo siajn plej diligentajn omaĝojn. Nia patro al ĉiuj, stariĝis en la origina

kostumo, kaj Evo, obeema kiel ĉiu edzino devas esti, rezignacie ricevis la favorojn de sia senjoro.

El ili eliris, kiel duobla rivero, la homaj generacioj, la viroj elfluis de Adamo, kaj la virinoj de la patrino Evo.

Nu, tiu vilaĝo administrata de parokestro, tre honesta homo, sed kies pudoro sangis ĉiufoje, kiam li devis pasi antaŭ tiu tro natura paro. Komence, li silente suferis, ulcerigita ĝis la animo. Sed kion fari?

Iun matenon, kiam li ĵus diris meson, du alilandanoj, du vojaĝantoj, haltantaj antaŭ la porĉo de la kirko, ekridis vidante lin eliri.

Unu el ili eĉ demandis al li : "Ĉu tio estas via ŝildo sinjoro parokestro?" Kaj la fremdulo montris niajn antikvajn gepatrojn, eterne senmovajn en ili libera sinteno.

La pastro forfuĝis, humiligita ĝis larmoj, vundita ĝis koro, dirante al si, ke fakte lia preĝejo surhavis ĉe la frontono emblemon de honto, kiel diboĉejo.

Kaj li iris vidi la vilaĝestron, kiu estris la entreprenkonsilion. Tiu vilaĝestro estis liberpensulo.

Mi lasas diveni al vi, kiuj estis la argumentoj de la pastro kaj la respondoj de la civitano.

Freneza, la ekleziulo petegis, preĝpetis, por ke la civila aŭtoritato permesis, ke oni malgrandigu nur iom la generan organon de nia patro Adamo, nur iomete, iu simpla modifo laŭ la turka maniero. Tio nenion difektus, tute male. Cetere, la konservisto de la historiaj monumentoj nenion vidos. La vilaĝestro restis nefleksebla, kaj li forpetis la pastron, insulte nomante lin regresemulo.

La sekvantan dimanĉon, la loĝantaro konsternata ekvidis, ke Adamo surhavis pantalonon. Jes, pantalono el drapo, zorge alĝustigita per sigelvakso. Tiamaniere, la monumento kaj la unua homo restis sendifektaj, kaj la pudoro estis savita.

Sed la civila funkciulo eksaltis pro furiozo, kaj li ordonis al la kampogardisto, ke li senpantalonigu nian praulon. Tio, kio estis farata meze de la gajigataj parokanoj.

Tiam la parokestro skribis al la episkopo, la episkopo al la konservisto. Sed tiu ĉi ne cedis.

Sed jen, ke procesio tuj okazos en la vilaĝo, honore al sankta resaniganto, kies mirakla statuo estis ekspoziciita en la ĥorejo de la kirko; kaj tiufoje la parokestro ne povis suferi la ideon, ke ĉiuj alkurantaj loĝantaroj el la kvar anguloj de la departemento procesie defilus sub nia malĉasta praavo el ŝtono.

Pro maltrankvilo li maldikiĝis: li preĝpetis iluminadon de la ĉielo. La ĉielo lumigis lin, sed malbone.

Iun nokton, najbara loĝanto de la preĝejo estis vekita de bizara bruo. Li aŭskultis. Estis violentaj, vibrantaj frapoj. En la ĉirkaŭaĵoj la hundoj hurlis. La viro ellitiĝis, ekprenis pafilon, eliris. Antaŭ la preĝejo, kurioza paro klopodis; kaj lumeto de lanterno ŝajnis lumigi provadon de grimpado, aŭ prefere de serurrompo, ĉar la frapoj ja indikis ke oni provis rompi la pordon. Sendube, por ŝteli la kvestoskatolon, kaj la altarajn ornamaĵojn.

Timigata, sed timida, la najbaro kuris ĉe la vilaĝestro; ĉi tiu avertigis la adjunktojn, kiuj armiĝis kaj rekviziciis la fajrosoldatojn. La bienservistoj kuniĝis al siaj mastroj, kaj la trupo, palisita per falĉiloj, fornoforkoj kaj pafarmiloj, singarde alpaŝis farante turnan movon.

La ŝtelistoj ankoraŭ estis tie. Sendube la pordo rezistis. Per mil singardemoj, la defendantoj de la ordo preterŝoviĝis laŭlonge de la monumento; kaj subite la vilaĝestro, kiu marŝis la lasta, kriis per furioza voĉo : "Antaŭen! Ekkaptu ilin!"

La fajrobrigadistoj sturmis… kaj ili ekvidis, grimpitaj sur du seĝoj, la parokestron kaj lian servistinon, kiuj estis malpliigantaj Adamon.

La servistino, vestita nur per subjupo, tenis per la du manoj lanternon, dum la pastro fortege frapadis sur la malmolan ŝtonon, kiu ĝuste cedis en tiu momento.

"Je nomo de la leĝo, mi arestas vin!" hurlis la oficiro de la civila stato, kaj li kuntiris la malesperan ekleziulon kaj la plorantan servistinon, dum la kampogardisto levprenis, kiel konvikta montro, la fragmenton kiun ĵus perdis la naskantulo de la homa specio, plie la lanternon kaj la martelon.

Okazis longaj interparoladoj inter la episkoko kaj akordiĝema prefekto por silentigi tiun gravan aferon.

Alia konflikto.

Diversaj gazetoj laste metis sub niajn okulojn la indignan leteron de brava parokestro al la landa instruisto, por minacordoni tiun instruiston deklari ĉu jes aŭ ne, li insulte nomis blago la Biblian historion.

La religiaj gazetoj incitiĝis, la liberaj gazetoj doktore argumentis.

Nu, la demando ŝajnas al mi delikata kaj malfacila.

Laŭ la nova leĝo, ŝajnas malpermesita al la instruistoj instrui la Biblian historion. Kiu do instruos ĝin? - Neniu. - Tiam, la infanoj neniam scios ĝin.

Sed se la instruisto estas permesita prezenti la aventurojn de tiu legolibro pri mirindaj anekdotoj, kiun ni nomas Malnovan Testamenton, ĉu ni povas postuli, ke li donu kiel fidajn artikolojn la kreado de la mondo en ses tagoj, la halto de la suno far Josuo, la muzika detruado de la muroj de Jeriĥo, la promenado de Jona en la mistera interno de baleno, ktp.?

Kiam li lernos al la estontaj balotantoj, ke ili ne devu kredi al la vergoj el avelarbo de la sorĉistoj, ĉu li rakontos al ili la miraklon de Moseo produktante akvon per rimedo, kiu laŭ la Biblio ŝajnas apenaŭ nenormala? Se li devas aserti, ke S-ino Loto estis ŝanĝita en salstatuo, kiel ni malpermesos al li energie certigi la plenan aŭtentikecon de la metamorfozoj rakontitaj de Ovidio? Se li samgrade metas la Biblian historion kaj la mitologion; se li nomas unu "la Rakonto de la sanktaj fabeloj de la kristana Eklezio", kaj alia "la Rakonto de la sanktaj fabeloj de la paganismo", ĉu ni povos mallaŭdi lin, admoni lin?

Tion mi diras al vi, vere ja, de ekstremo al alia de Francio, nuntempe, ekaperis nepriskribeblaj konfliktoj.

Kaj kiom ni volus aŭdi la argumentojn, kiujn, vespere, interŝanĝas kun siaj sampartianoj kaj siaj kontraŭuloj, en la ĝardeno de la lernejo aŭ la laŭbo de la patrejo, tiuj malcedemaj rivaloj!

*La 1an de majo 1882*

*(1) **Henri Rochefort** (1831-1913), kies vera nomo estis **Victor [Viktoro] Henri [Henriko] de Rochefort-Luçay** [**Roŝfor-Lüse**] estis franca gazetisto kaj politikisto.*

*(2) **Pierre Ernest Pinard** [**Petro Ernesto Pinar**] (1822-1909) estis imperia prokuroro kaj ministro pri internaj aferoj. Li restas konata pro liaj pledadoj kontraŭ Sinjorino Bovary [**Bovari**] de Flaubert [**Flober'**] kaj La Floroj de l'Malbono de Baudelaire [**Bodlero**], kiujn li parte sukcesis kondamnigi.*

*(3) **Alexandre Bétolaud** [**Aleksandro Betolo**] (1828-1915) estis franca advokato.*

*Esperantigis*

## Noel Lecomte (Francujo)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊